# INTERNACIA FERVOJISTO





**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

35a jaro Januaro-Februaro 1983 N-ro 1




Kongreso finiĝis, la venonta estas en preparo.
LKK-prezidanto Gulyás salutas kolegon De Sutter.
Jaro finiĝis, la venonta alfrontas nin.

## REDAKTORA BABILO

Okaze de la jarŝanĝo la IFEF-estraro kore salutas ĉiujn membrojn, landajn asociojn, kunlaborantojn kaj amikojn, dezirante al vi, ke la kristfestaj tagoj okazu en etoso kaj digno laŭ viaj gusto kaj kredo, kaj ke vi eniru la novan jaron kun optimismo, preteco forte labori, kaj kun senlimaj obstino kaj pacienco kure kaj sekure funkciigi nian IFEF-trajnon.

La 1983a jaro estas Internacia Jaro de Komunikado, kaj espereble ni sukcesos vaste atentigi pri la helpo kaj avantaĝo, kiun kapablas alporti la Internacia Lingvo Esperanto.

Pro agrablaj rilatoj dum la pasinta jaro, pro instigaj esprimoj, pro kongreso de bonkoreco kaj pro ĉia helpo dankas la IFEF-estraro.

red

## POST LA UNIVERSALA KONGRESO 1982

Postkongresan komunikon ni ricevis de UEA. Ĝi priskribas partojn de la kongresaj faroj kaj dumkongresaj eblecoj. Legante pri tio oni ekhavas kelkan impreson de tiu mamuta aranĝaĵo.

Bedaŭrinde vane oni serĉas etan mencion de la laboro de la BEFA-anoj. Tiu - eĉ oficiala far la belgaj fervojistoj - servo estas nur (?) praktika helpo al la glata disvolvo, jes, tion ni agnoskas, sed gravas la reciproka rekono fervojoj - Esperanto kaj esperantanoj - fervojkompaniaj agoj!

Oni povas legi, ke 20 malsamaj ekskursoj okazis dum la kongresaj tagoj kaj ke estis aĉetitaj 2000 ekskursbiletoj. Aldonendus, ke unu ekskurso iris al Bruselo per trajno, kaj alveninte Bruselon Centran oni aŭdis laŭtparolilan informon, ke oni iru al la halo. Tie akceptis la ekskursantojn la uniforme vestita staciestro Raoul Hennant en belsona Esperanto. Tre impresis.

Signifa por Esperanto kaj por IFEF estas ankaŭ tio, ke la direktoro pri publikaj rilatoj kaj gazetaro de SNCB, s-ro Feron, persone akceptis kaj klarigis en la fervoja muzeo de Bruselo Norda Stacio.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14, F 3067 Lindhorst

Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK 4700 Næstved

Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353 350550, DK 9800 Hjørring

Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne




# 35a IFEF-KONGRESO

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

04 - 10. JUNIO 1983

OSTENDO (BELGIO)



*Adreso:*
35a IFEF-kongreso
DE SUTTER Lucien,
Chemin des Pins 4,
B 1180 Bruxelles
Tel (02) 358 15 73

*Kasistino:* DE SUTTER Ady,
Pagu al la poŝtĉekkonto
n-ro 000-0477076-30 de BEFA
p/a DE SUTTER Lucien,
Chemin des Pins 4,
B 1180 Bruxelles

---

La unuajn informojn vi povis legi en IF n-ro 5-6/1982 paĝoj 75-76-77. Aliĝiloj estas senditaj al la landaj asocioj de IFEF. Bonvolu rimarki, ke la malgranda kongreskotizo validas ĝis 15a de februaro.

Pri la pago bonvolu atenti pri jeno:
Ĉiu pago rilate al la 35a IFEF-kongreso oni devas NEPRE ĝiri al la pĉk (poŝtĉekkonto):
n-ro 000-0477076-30 de BEFA
p/a DE SUTTER Lucien, Chemin des Pins 4, B-1180 Bruxelles,
kaj NE al la Universala Konto kiel menciita sur la unuaj aliĝiloj.

- - - - - - - - - - - -

*Provizora prcgramo* de la 35a IFEF-kongreso aspektas jene:

Sabaton 04.06:
Alveno de la kongresanoj
Kunsido LKK - IFEF-estraro
Interkona vespero

Dimanĉon 05.06:
Ekumena diservo
Solena inaŭguro
Gvidataj vizitoj en la urbo Ostendo
Komisionaj kunsidoj
Koncert- kaj folklora vespero

Lundon 06.06:
Komisionaj kunsidoj
Duontaga ekskurso A al Bruĝo
Distra vespero

Mardon 07.06:
Komitatkunsido (nepublika)
Fakprelego
Duontaga ekskurso B al Zeebrugge
Libera vespero

Merkredon 08.06:
Unua plenkunsido (publika)
Kariljona koncerto
Aktualaĵoj kun diskutado
Internacia balo

Ĵaŭdon 09.06:
Dua plenkunsido (publika)
Komisionaj kunsidoj
Filmoj
Nacia fervojista orkestro

Vendredon 10.06:
Tuttaga ekskurso C
tra flandriaj historiaj urboj
Solena fermo
Adiaŭa vespero

\- - - - - - - - - - -

## DUONTAGA EKSKURSO "A" AL BRUĜO

Bruĝo estas sendube unu el la plej belaj urboj de la tuta mondo.

Fakte duontago ne sufiĉas por viziti Bruĝo'n. Bruĝo valoras multe pli. Pro tio ni envicigis la ekskurson "A" je la komenco de la kongreso, por ke vi havu la okazon reiri, kaj eble ankoraŭ triafoje dum la reveturo.

Bruĝo situas sur la fervojlinio de Ostendo al Bruselo je 23 km de Ostendo, kaj ĉiun horon tri eksprestrajnoj kunligas en 15 minutoj la du urbojn.

Kvankam Bruĝo posedas sufiĉe multe da vizitindaj ĉiuspecaj muzeoj, la urbo mem estas subĉiela muzeo. Ĝi grandparte konservis sian mezepokan aspekton.

Bruĝo estas nuntempe unu el la plej vizitataj turistaj centroj de Belgio. Iam ĝi estis la plej grava havenurbo de la kontinento, kiu en la 13a kaj 14a jarcentoj atingis la apogon de sia prospero, kaj kiu estis la centro, kie la komercistoj de la tiamaj mondregionoj kunvenis. Post tiu ekonomia bonfarto, sekvis la brila luksmontrado de la Burgonia korto, kiu efektivigis la ekfloron de la artoj. Belegaj konstruaĵoj kaj monumentoj estis starigitaj.

Samtempe la flandra pentristskolo estis la ĝermo de la arto en Okcident-Eŭropo, kie Van Eyck, Memling, Van der Goes, Van der Weyden, David ktp kreis siajn famajn majstroverkojn.

Depost tiu tempo Bruĝo ne plu estas komercmetropolo, kaj multaj de ĝiaj arttrezoroj brilas nun en eksterlandaj muzeoj. Sed ĉiam la Mezepoka Bruĝo restis la sama, kaj ĉiam la monumentoj, preĝejoj kaj muzeoj atestas pri ĝia glora estinteco.

Sed Bruĝo havas pli ol neelĉerpeblan arttrezoron. La urbo havas precipe nerezisteblan ĉarmon: la pitoreskaj kajoj kun la legendecaj blankaj cignoj, la tipecaj ŝtupofasadoj kaj la sveltaj turetoj, kiuj respeguliĝas en la trankvila akvo, la poeteca Amolago kaj la kvietplena Beginejo, la laboremaj maljunaj puntistinoj sidantaj antaŭ siaj malgrandaj, puregaj dometoj, la feece belaj turniĝantaj stratoj, la mondkonataj sonorilarkoncertoj de la urba sonorilaristo Eugeen Uten, la ree kaj ree ŝanĝiĝantaj panoramoj laŭlonge de la promenadoj sur la malnovaj urbofortikaĵoj.

Ĉio tio atribuas al Bruĝo la markon de supera turista urbo kaj lasas en la vizitanto neforigeblan impreson.

Bruĝon vi devas viziti piede.

---

Fakprelega Komisiono instigas:

AKTUALAĴOJ EL VIA LANDO

Por tiu kunveno estas tempo nun pripensi tiun aktualan temon, kiun vi deziras prezenti en Belgio.

Estos la 3a fojo, ke okazas la kunveno "Aktualaĵoj el via lando", kaj por plani kaj havi la eblecon aranĝi la kunvenon varia kaj enhavoriĉa estas necese, ke kiel eble plej multaj landoj partoprenos. Fakprelega Komisiono tial nun petas, ke ĉiu lando elektu aktualan eventon/okazaĵon kaj per 4-5 minuta prelegeto/informado prilumigu la elektitan temon. Post la prezentado povos ekesti diskutemo, kaj kompreneble estos 2-3 minutoj por demandi/respondi.

Por okazigi interesan kunvenon, kie ni en agrabla maniero inter kolegoj povas internacie informi aŭ informiĝi, atendas la vian kunagemon:

Fakprelega Komisiono,
Gunnar Thuesen, Langekærvej 40,
DK 2750 Ballerup

# EÚROPO-PASPORTO

Apenaú iu ajn gazeto trovis valore publikigi jenan sciigon:

La Eúropo-parlamento decidis, ke ekde 1984 aperos la unueca Eúropo-Pasporto. Krom sur la kovrilpaĝo la teksto interne estos en la nacia lingvo kaj ĝenerale en angla kaj franca lingvoj.

"Ĉu tiom grave?" certe kelkaj demandos, tio ja simile estis jam ĝis nun. Sed .... la diferenco estas, ke ĉi-foje temas pri oficiala decido de la tuta Eúropo-Komunumo kaj evidente pri la unua, kiu ne plu priatentas la ĝis nun praktikitan lingvan egalecon! Tiu-ĉi unuavide ne tro grava paŝeto povus fariĝi precedento por estontaj decidoj rilate al la lingva situacio: "Ĉe la Eúropo-Pasporto ni agis tiel same, tiam neniu kontraúdiris".

Precipe ni, kiuj favorigas Esperanton, ne trompu nin mem. Se la angla kaj franca fariĝus oficialaj Eúropo-lingvoj, tiam Esperanto por jardekoj ne plu havos ŝancojn en Eúropo. Demandu viajn parlamentanojn, ĉu ili voĉdonis por tiu solvo, kaj ĉu ili ankaú estonte jesos la superecon de la angla kaj franca. Protestu!

(ekstrakte el "Esperanto aktuell") Gi

# TIPA EKZEMPLO POR LINGVA DISKRIMINACIO

Ekstrakta traduko el la "Konvencio pri la reciproka uzado de la varvagonoj en la internacia trafiko (RIV)", valida de 1.1. 1972.

Statuto, artikolo 8 - lingvoj

1. La statuto kaj la RIV-konvencio estas eldonitaj en franca, germana, itala kaj rusa lingvoj. Kaze de opinio-diferencoj en la kompreno sole la teksto de la tri unue menciitaj lingvoj devigas.

2. La adresaro estas eldonita en franca, germana kaj itala lingvoj.

3. La afergvidanta administracio korespondas por la RIV-fede-

racio en franca kaj germana lingvoj.

4. La debatoj de la plenkunsido kaj komisiona kunsidoj okazas en franca, germana kaj itala lingvoj.

5. Se ne ekzistas specialaj interkonsentoj, por la skriba kaj teleskriba korespondado inter la administracioj estas uzenda la franca, germana aŭ itala lingvoj.

6. Proponoj por la plen- kaj komisiona kunsido estas skribendaj en franca, germana aŭ itala lingvoj.

7. La protokoloj pri la plen-kaj komisiona kunsidoj estas faritaj en franca kaj germana lingvoj.

8. La raportoj laŭ art 6 ĉif. 5 (raportoj de la komisiono) estas skribitaj en franca, germana aŭ itala lingvoj.

Rimarkigoj: Oni priatentu la subtilajn diferencojn kaŭzitajn per la vortetoj "kaj" respektive "aŭ".

Nombro de la RIV-membroj entute 30 inter ili proks 20, kies lingvoj ne apartenas al la supre menciitaj 3 "laborlingvoj".

(Represo de IF n-ro 2/1972, bedaŭrinde ankoraŭ aktuala).

---

# FERVOJOJ DE LA MONDO

*Japanio*

### MALFERMIĜIS LA NOVA SHINKANSEN TOHOKU

Je la 23a de junio 1982 malfermiĝis la nova SHINKANSEN (Novtrunklinio) Tohoku (elp. Toohoku) de Omiya (elp. Oomija, 30 km.jn norde de stacidomo Tokio) ĝis Morioka - 505 km en orientnorda parto en nia lando. La vojaĝdaŭro inter Omiya kaj Morioka mallongiĝis de 6h02 ĝis 3h17 kaj inter Omiya kaj Sendai (la plej granda urbo sur la linio) 321,5 km de 3h50 ĝis 1h59.

La rapidaj trajnoj estas nomataj YAMABIKO (eĥo inter montoj) kaj la omnibusaj AOBA (verda folio).

La nova SHINKANSEN estas plej parte sama kun ĝisnuna SHINKANSEN en rapido, veturkontrolo de centralizita komandejo, signalaro, ekipaĵoj kaj aliaj. Sed troviĝas kelkaj diferencoj inter ambaŭ SHINKANSEN. La trajnoj kuradas tra regiono, severe

malvarma kaj multe neĝfalada. Tial protekto kontraŭ malvarmo kaj neĝo estas donita al la vagonoj kaj ekipaĵoj de la linio. La trajno konsistas el 12 pasaĝer-vaganoj: unu vagono por 52 unua-klasaj pasaĝeroj, 10 vagonoj por 805 dua-klasaj pasaĝeroj kaj unu vagono por 28 dua-klasaj pasaĝeroj kaj por la bufedo. El la trajnoj la pasaĝeroj povas telefoni je ĉiu loko tra la tuta lando. En SHINKANSEN Tokaido kaj San-yo je nur grandaj urboj laŭlonge de la linio.

Sinsekve en la 15a de novembro tiu ĉi jare ankaŭ SHINKANSEN Joetsu (elp. ĵooetsu) de Omiya ĝis Niigata, ĉirkaŭ 300 km malfermiĝos. La malfermo de la nova linio, tiel longa estas gratulinda afero por la fervojo. Ĉu tio estas pruvo de prospero de Japana Nacia Fervojo?

(El JELF n-ro 69, aŭgusto 1982)

*Ĉinio*

NOVA ELEKTRA FERVOJO INTENSE KONSTRUATA

Ĉinio konstruas inter Pekino kaj Qinhuangdao novan dutrakan elektran fervojon. La dutraka parto de la fervojo longos 127 km, kaj la totala longeco de la fervojo estos 280 km. La fervojo ligiĝos okcidente kun la elektra fervojo inter Pekino kaj la karbourbo Datong en Shanxiprovinco kaj oriente atingos la havenurbon Qinhuangdao. Dank' al la nova fervojo oni povos transporti la karbon rekte de Datong al Qinhuangdao.

(El "El Popola Ĉinio)

---

## "FERVOJA KATASTROFO

En la frosta vintra nokto troviĝis sur la laboreja trako du malnovaj, difektitaj 3a-klasaj fervojvagonoj ..."

Jen komenciĝo de premiita traduka prozaĵo en "La Verda Relo", verkita de la dano Johannes Buchholtz. Okaze de la 100jara datreveno de lia naskiĝo la Leona Klubo de lia loĝurbo Struer eldonis folion de memormarkoj. En apuda teksto legiĝas, ke liaj verkoj estas tradukitaj en multajn lingvojn, "kaj laste lia rakonto - Fervoja Katastrofo - gajnis unuan premion ĉe la internacia fervoja Esperanto asociaro kaj estas eldonita en Esperanto".

# OKAZINTAĴOJ

*Jarkunveno de IFEA*

En la kadro de la 53a Itala Kongreso de Esperanto, kiu okazis de la 18a ĝis la 25a de septembro 1982 en Forte dei Marmi, ni okazigis la jarkunvenon de IFEA lunde la 21an de septembro en la granda Sporta Domo de Forte dei Marmi. Bedaûrinde la renkontiĝo, antaûvidita je la 11.30a h, okazis posttagmeze; la plejparto de ĉeestantoj al antaûa kunveno estis jam foririntaj alvokataj de aliaj renkontiĝoj kaj de la tagmanĝo. Pro tio grandparte la ĉeestantoj estis eksterlandanoj: Lucien De Sutter, ĉefkomitatano de IFEF kun la edzino, s-ino Lilija Pavlova Koleva, radaktorino de "Bulgara Fervojisto", la fidela germana kolego Karl Pscheidt, kiu inter alie prezentis la lokon de la venonta skisemajno de IFEF. S-ino Koleva raportis pri la agado de la bulgaraj kolegoj kaj prezentis la lokon de la postvenonta IFEF-Kongreso en "Slanĉev Brjag" ĉe la marbordo de la Nigra Maro norde de Burgas.

Gesinjoroj De Sutter salutis en la nomo de IFEF kaj ilustris la venontjaran 35an IFEF-kongreson, kiu okazos en Ostendo.

Fine d-ro Menabene parolis pri manifestacio, kiun li kunlabore kun DLF, IFEA, AEC kaj AEDE okazigos en Romo. Temo: Eûropa integriĝo en siaj diversaj aspektoj. Patronos la manifestacion la Interparlamenta grupo "Amici dell' Esperanto".

Ĉu vi scias, kiu signifas tiuj komencaj literoj:

DLF – Dopolavoro Ferroviario – Sporta, Amuziga, Hobia kaj Kultur-fleganta Organizaĵo de Italaj fervojistoj. Itala sekcio de FISAIC. Ĝia prezidanto, la ĝenerala direktoro de FS estas vicprezidanto de FISAIC.

FISAIC – Federation Internationale des Societes Artistiques et Intellectuelles de Chemiots. Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj.

IFEA – Itala Fervojista Esperanto Asocio

AEC – Association Eûropéenne des Cheminot. Eûropa Asocio de Fervojistoj.

AEDE – Association Europeenne des Insegnants – Eûropa Asocio de Instruistoj.

Tiuj du lastaj asocioj, kvankam ne-esperantistaj tre favoras "Esperanton" en la Eûropa politika tereno kaj tre gravas en la fervoja kaj kultura medio de la Eûropa Komunumo.

ANKORAŬ PRI LA 34a IFEF-KONGRESO pasintan majon en Balatonfüred, Hungario.

La sola soveta partoprenanto de la kongreso, s-ino Antonina Apollo de Tallinn en Estona Soveta Respubliko esprimas siajn adiaŭajn sentojn per jena ĉarma poemo:

ADIAŬO

Mi klinas kapon antaŭ Hungario,
mi adiaŭas vin, la bela land',
kaj ŝvingas manon al la blua strio
de Balatono malproksima rand'.

Por ĉiam mi forlasas viajn vojojn,
laŭ kiuj mi vagadis kun plezur',
mi rememoras travivitajn ĝojojn,
purecon kaj kolorojn de l' natur'.

Allogis min la parkoj kaj la stratoj,
la monumentoj ravis per belec',
al mi ridetis la hungaraj fratoj
kun kora kaj sincera amikec'.

Kaj nun revenas mi al nord' malvarma,
ekstaros ree inter ni la lim',
sed en neforgesebla lando ĉarma
ĝis lasta tago restos la anim'.

Budapest, 9.V.1982

---

Pri la 34a raportis i a:

Jihomoravský Železničář, Ĉeĥoslovaka fervoja periodaĵo,

ÖBB Journal (Aŭstrio) kun foto de la transdono far Kortega Konsilisto Semmelrath al d-ro Báckai de la ora medalo de FISAIC,

Jernbanemanden (norvega porfervojista revuo) per 3paĝa artikolo kun 7 fotoj.

*GERMANA DEMOKRATA RESPUBLIKO*

Raportas Jindřich Tomišek el Ĉeĥoslovakio:

*Jarkunveno de fervojistaj esperantistoj en GDR*

La fervojistaj esperantistoj de Germana Demokrata Respubliko (GDR) aranĝis jarkunvenon la 5-7an de novembro 1982 en Schellenberg, vilaĝo en Ercmontaro ne tre malproksime de Karl-Marx-Stadt.

La 6an antaŭtagmeze ni komune ekskursis al Rockau-Lengefeld por viziti tiean lokomotivejon, nun apartenantan al granda lokomotivejo en Karl-Marx-Stadt. En la lokomotivejo laboras 110 personoj kaj estas tie 13 trakcikapablaj lokomotivoj, el kiuj 10 dizelaj lokomotivoj de tipo 110, 1 vaporlokomotivo de tipo 50 kaj 2 ranĝlokomotivoj de tipo 86. Krome troviĝas tie vapora hejtlokomotivo 86 049. Per la lokomotivoj oni trakcias vagonarojn sur fervojlinio Flöha-Reitzenhein kaj Lengefeld-Olbern.- Grünthal.

La oficiala parto de la jarkunveno komenciĝis posttagmeze per prezentado de la partoprenantoj. Prezidanto de la fervojistoj - esperantistoj de GDR Achim Meinel (Aĥim Majnl) salutis ĉiujn partoprenantojn kaj transdonis donacojn al reprezentantoj de la ĉeĥaj kaj hungaraj kolegoj. Poste Horst



Parto de la partoprenantoj de la jarkunveno vizite en lokomotivejo

Theurich donis informojn pri la farita laboro terminara.

La oficiala parto de la jarkunveno finiĝis per fakprelego pri la svisa fervojo.

Pro la afabla, amika gastigado kaj pro la agrablaj travivaĵoj ni diras dankon - ankaŭ ĉi tie - kaj ni deziras multajn sukcesojn en plua laboro al niaj orientgermanaj gekolegoj.

# EL LA LANDAJ ASOCIOJ

*Italio*

SINDIKATAJ RENKONTIĜOJ KAJ KLOPODOJ

Laŭ letero, ricevita de la itala sindikato FISAFS ni jenon raportas:

La 1an de oktobro 1982 renkontiĝis en Romo - fare de la Ambasadejo de la Germana Federacia Respubliko - grupo de germanaj fervojistoj aliĝintaj al sindikato GDBA-Reisedienst (Hamburg) kaj grupo de estraranoj de la itala fervojista sendependa sindikata FISAFS.

Kun reciproka intereso okazis interŝanĝo de informoj kaj ideoj pri la sindikataj situacio, agado kaj problemoj en Germanujo kaj Italujo.

La ĝenerala sekretario de FISAFS proponis daŭrigi la rilatojn, kiuj povus efektiviĝi en Esperanto, dank' al la kunlaboro de la fervojistoj esperantistoj, membroj de IFEF.

La sindikato FISAFS (sendependa rilate al kiu ajn partio) havas la intencon starigi internacian fervojistan sindikaton - komence en la Komunuma Eŭropo - kun analogaj sindikatoj (sendependaj rilate al partioj).

Esperanto estos la sola laborlingvo de la starigota internacia fervojista sindikato.

IFEF sekvos kun intereso ĉi-tiujn kaj aliajn klopodojn utiligi Esperanton inter fervojistoj.

- - - - -

FERVOJISTAJ ESPERANTISTOJ EN BOLOGNA

Tuj post nia reveno de la Balatonfüreda kongreso, en kiu partoprenis 23 ge-italoj, ni festis la 70an datrevenon de la starigo de la Bologna Esperanto-Grupo "Achilli Tellini".

Samtempe okazis ekspozicio pri la "Hobioj de la Avoj", en kiu DLF partoprenis kun pluraj laboroj faritaj de maljunaj fervojistoj en sia libera tempo, kaj ankaŭ kun granda Esperanta el-

montro de fotoj, gazetoj, libroj, informiloj kaj aliaj Esperantaĵoj.

Pri la rolo de la fervojistoj D-ro Luigi Tadoloni dum publika parolado esprimis i a jene:

"... mi deziras dediĉi tute specialan substrekadon por la agado de la fervojistoj, al kiuj Esperanto devus starigi monumenton. Ili estas granda parto de la historio de la movado, al kiu ili donis grandegan kontribuon da energioj, da organizado, da instruistoj, da disponebleco de sidejoj, da gvidantoj, da iniciatoj tute originalaj kaj ne-anstataŭeblaj. Sufiĉas konsideri iliajn perfektajn kongresojn, en kiujn kelkfoje ni partoprenas eĉ alternative de tiuj de la ĝenerala movado ..."

G.G.

---

# VENONTAJ ARANĜOJ

*Jarkongresoj 1983 de niaj landaj asocioj*

18.-20. marto: DEFA en Kopenhago, lige al la Dana Esperanto Jarkongreso.
Inf: H Hauge, Tolne station, DK 9891 Tolne

23.-24. aprilo: BEFA/FERN en Dalfsen (NL).
Inf: W L v Leeuwen, Julianaplein 2, NL 1097 DN Amsterdam

- - - - -

Grava informo pri la 24a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno en Bayrisch Eisenstein 22.-29.01.1983, ke ne plu eblas akcepti aliĝilojn, ĉar ĉiuj disponeblaj lokoj estas jam menditaj ! Do, vi konsoliĝu per la deziro al la feliĉuloj:

Bonan plezuron.

---

# NEKROLOGOJ

Mortis *Adalbert Vojtech Klatil* (84)

A.V. Klatil ludis gravan rolon por la Internacia Federacio de Esperantaj Trafik- kaj Transportlaboristoj (IFETT) en la jaroj de 1931 ĝis la dua mondmilito. Tiam IFETT laboris en la kadro de la Internacia Federacio de Transportlaboristoj (ITF). Inter alie Klatil redaktis dum jaroj la "Esperantaj Komunikoj" de ITF, kiuj gravis por la konservado de la rilatoj inter la fervojistoj esperantistoj sur internacia nivelo. En 1938 li eĉ fariĝis konstanta reprezentanto de IFETT ĉe la internacia oficejo de ITF. Ni ankoraŭ nun ŝuldas dankon al tiu senlaca, sindonema homo, kiu grave helpis al la esperantistaj fervojistoj, tramistoj k.s. tiam organizitaj en ITF.

La oficiala organo de ITF de Aprilo 1982 menciis la fakton, ke Klatil prizorgis la aferojn de IFETT.

IFEF

- - -

Memoro pri amiko *Marinko Givoje*

Amiko Marinko Givoje (Mara Inko, kiel li ŝerce diris) ne plu estas inter ni. Li mortis la 31an de majo 1982. La malĝojan novaĵon mi legis en "Heroldo", sed mi jam antaŭe sciis pri lia ne bona sanstato.

Irante al Balatonfüred malgranda karavano de italaj fervojistoj esperantistoj haltis en Zagreb kaj tranoktis en hotelo antaŭ la stacidomo. Matene mi, alproksimiĝinte al la fenestro de la ĉambro, travidis surstrate Marinkon, kiu babilis kun Gino Corso el Verona, kiu ellitiĝis pli frue ol mi. Poste ni restis kune dum kelka tempo.

Kiu ne konas Marinko Givoje en la mondo esperantista? Liaj verkoj, lia amikeco, liaj vervo kaj aktiveco? Li estis 63jaraĝa, kiam lia grandanima koro ĉesis bati.

Ni priploras nian grandaniman amikon. Lia morto lasis grandan truon en niaj vicoj!

Nome de IFEF Germano Gimelli

- - - - -

Samideano *Claudio Pivari* mortis en Porretta Terme, Italio, pro kor-atako la 14an de septembro 1982.

Tre fidela amiko li estis kaj partoprenis en multaj Universalaj kaj en preskaŭ ĉiuj fervojistaj Esperanto-kunvenoj kaj kongresoj.

Varma esperantisto post sia translokiĝo de Bologna al Porretta T., tie organizis kursojn kaj fondis grupon. Sia plej ŝatata okupo estis la laboro por Esperanto.

Al patrino kaj filinoj ni sendas plej korajn kondolencojn.

IFEF

---

## El Parnaso

*INVENTOJ*

Vortkirlo de Poul Thorsen

La britoj inventis vaporon,
hispanoj la oron,
la hindoj fakirojn,
Brazilo tapirojn,
eskimoj la pulon,
araboj la nulon
kaj la almanakon.
Peruo alpakon.
La ĉinoj la pulvon
kaj francoj la vulvon,
italoj gitaron,
Usono dolaron,
germanoj bieron
kaj ĉio-ceteron.

La ĉinoj prestiĝis,
kaj tiel estiĝis
lavange kaj strange
fajenco, incenso,
biciklo kaj ĉiklo,
kompaso, anaso,
hobojo kaj sojo,
la silko kaj inko,
la ping-pongo-pilko,
la granda muro,
pagodo-turo
kaj tiel pluo
por ĉina ĝuo.

Hebreoj la vinon,
la grekoj rezinon,
la rusoj la ruĝon,
bovino la muĝon.
Egiptoj la Nilon
kaj la krokodilon,
japanoj la enon,
kaj Ivo la penon.
La danoj - dank Dion -
eltrovis nenion
escepte ĉi galimation.

# IOM DA PACO

estas arda deziro de ni ĉiuj. Ni povas diskuti pri manieroj, faroj, timoj, intencoj - sed ĉiu el ni kiel privatuloj povas konkordi pri la ĉi-supraj vortoj de B. Meinunger en Esperanta traduko de Joachim Giessner. Orelfrapan melodion kun aktuala populareco komponis R. Siegel.

Ja kiel floron ĉe l'vintra komenc' kaj fajron en venta, glacia potenc'
kaj kiel pupon, ŝatatan ne pli, min tre ofte sentas mi.
Kaj tiam mi vidas la nubojn sur l'ĉiel',
mi aŭdas la birdojn flugantajn sen cel',
mi kantas en tim' pro obskura minac'
esperas, ke estu pac'.

Iom da paco, iom da suno, por nia tero, por nia nuno.
Iom da paco, iom da ĝojo,
iom da varmo mi petas por ni.
Iom da paco, kaj da revado kaj por la homoj ne plu plorado.
Iom da paco, iom da amo, estu l'espero ne iluzi'!

Ne pro miaj kantoj ŝanĝiĝas event',
mi estas knabin' nur, kantanta laŭ sent',
senhelpa, soleca, birdet' sen potenc'
kun tim' pro la ŝtorm-komenc'.

Iom da paco ...

Kantu forte nun kun mi, pac' ne estu utopi'!

---

# ENHAVO

Pri la 35a IFEF-kongreso .. 3
Eŭropa pasporto ............ 6
Lingva diskriminacio ...... 6
Fervojoj de la mondo ...... 7
Okazintaĵoj ............... 9
El la landaj asocioj ...... 12
Nekrologoj ................ 14
Poezio ........... 10, 15, 16

---

La redaktofino por la venonta IF estas 25.1.83.

---

Preso: Esperanto-Press Augsburg, Seitzstr. 14, D 8900 Augsburg
tel. 0821/41 92 13 + 48 81 49